# LA VERDA LUPEO




## Informilo de ELF/AREK

*Aŭgusto 2013 (45a jaro) N-ro 163*

***Esperanto Ligo Filatelista / Amika Rondo de Esperantaĵ-Kolektantoj***

**Redakcio: Rudolf Burmeister Max-Müller-Str. 86 DE 09123 CHEMNITZ**




Ho eksonu nova kanto
Pri la lingvo Esperanto
De verkistoj, de poetoj,
En poemoj kaj odetoj.

***Historia Esperanto-bildkarto (1913, de Tuck´s) aperis denove sur individua poŝtmarko de Aŭstrio, por filatela ekspozicio en S. Vito al Tagliamento /Italio (2013)***



★

八ヶ岳
エスペラント館

ESPERANTO–DOMO de JACUGATAKE
administrata de Japana Esperanto–Instituto
国際語エスペラントの研修施設
一般財団法人日本エスペラント協会 図書館分館
山梨県北杜市長坂町小荒間1897-1
利用開館: 4月—11月 ☎03-3203-4581(JEI)
http://www.geocities.jp/yatu_domo/

BY AIR MAIL 航空
PAR AVION













Rudolf Burmeister
Max-Müller Str. 86
DE 09123 Chemnitz
Germanio ドイツ

Unuataga memorkoverto kun poŝta pejzaĝa stampo de la komunumo Koizumi







# 2013 Esperanto-Domo de Jacugatake

## Nova pm-eldono por la E-domo

**12an de aprilo 2013 kunvenis en la E-domo la estraro de la domo. Ekde tiu tago la domo akceptas gastojn ĝis oktobro post la 100a Japana E-Kongreso. Eksterlandaj E-istoj, membroj de Pasporta Servo, povas senpage tranokti. Aliaj pagas po 20 eŭrojn nokte. La domo situas meze de la insulo Honŝuo en idilia naturo. Videblas la proksima Sepmontaro kaj ankaŭ Fujiyama.**

**La unua eldono aperis 13. 04. 2012. La dua eldono aperis 12. 04. 2013.**
**Fakte temas pri samaspektaj markoj, sed ĉi-foje kun enpresita 2013 supre en la du markoj. La nominaloj restis la samaj: 50 kaj 80 enoj.**

**La memorkoverton desegnis s-ano Takehana.**
**Ekzistas ankaŭ bildkarto. Vidu ambaŭ en la apuda paĝo.**

**La nunan eldonon denove prizorgis nia kluba amiko Haruja Maekaŭa.**
**Estis ankaŭ li, kiu nin informis pri la nova eldono. Koran dankon al li!**

**Detalaj informoj pri la domo troveblas en la Interreto:**

http://www.geocities.jp/yatu_domo







**LA 61A KONGRESO DE ESPERANTISTOJ EN KANSAJO**
**25 – 26 de Majo 2013**




## La Esperanto-filatelaĵoj el la 61a Kongreso de Esperantistoj en Kansajo, 2013 en Wakayama

**- Poŝta stampo**

**Poŝtejo: Wakayama**
**Mezuro: ovala 29x32**
**Teksto: Dulingva, vidu supre**

**Dato: 25. V. 2013 (25.5.25)**
**Bildo: Baleno kun „LXI“ kaj stelo**

**- Kongresa koverto (viola/bruna) kaj - kongresa poŝtkarto (blua/bruna) kun la kongresa emblemo.**

**- Individuaj poŝtmarkoj:**
**50 enoj, kun 5 diverskoloraj nominaloj**
**80 enoj**
**Vidu ambaŭ sur la antaŭa paĝo**




**Kongresa poŝtkarto**
**kun la 50ena ipm,**
**sendita de Haruja Maekaŭa**




**Poŝtkarto farita de privata filatela entrepreno**
**kun la poŝta kongresa stampo**

## 90a Germana Esperanto-Kongreso  17a – 20a de Majo 2013 en Nürnberg

**La organiza komitato, sub gvido de Sabine kaj Pit Hauge, iniciatis serion da 10 por-okazaj bildkartoj kaj poŝtan memorstampon por la kongreso kaj la 125a jubilea datreveno de la Esperanto-grupo en Nurenbergo. Gratulon!**

**En la kongresejo, la Pirkheimer-Domo, troviĝis granda flava kesto por meti en ĝin adresitajn kartojn kaj kovertojn. Post la kongreso la kesto estis sendita al la speciala poŝtejo en urbo Weiden. Tie la sendaĵoj ricevis la stampon.**

**Pri la apero de la stampo antaŭe informis per speciala informilo la Germana Poŝto sub info-numero 08/101.**

**La stampo kun la dato 17.-5.2013 portas tekston en la germana (vidu ĝin supre) kaj montras la simbolon de la E-klubo en Nurenbergo (turo kun stelo).**

**Teksto:** ***125 jarojn  Esperanto en Nürnberg / 90a Germana Esperanto-Kongreso***
**Mezuro: 45x35**

**La stampo sur kartoj kaj kovertoj haveblas ĉe la interreta „Ebay“.**






**Stevan Raiĉkoviĉ**

# „Verdaj Amikaj Tagoj 2013 en Senta/Serbio“

**La Esperanto-Societo Senta, prezidanto: s-ro Siniŝa Veliĉkoviĉ, denove organizis la 7an kaj 8an de Junio 2013 sian tradician manifestacion**

**„Verdaj Amikaj Tagoj“**

**ĉi-foje memore al la poeto Stevan Raiĉkoviĉ (1928-2007). Helpe de la reto oni ekscias, ke apud pluraj prelegoj okazis Esperanto-filatela ekspozicio.**
**Iu afabla s-ano en Senta sendis koverton kun la poŝta E-stampo, ene la programo, glumarkoj kaj listo pri la ĝisnunaj poŝtaj E-stampoj el Senta..**

**La stampo: Mezuro: 33 mm** **Teksto: POETO KAJ RIVERO TIBISKO**
**Dato de uzado: 08. 06. 2013** **Poŝtejo: 24400 Senta – Serbio**
**Bildo: Efemero kaj ondoj.**
**La plej granda efemero de la regiono estas la tisa efemero (ankaŭ: tisofloro) (*Palingenia longicauda Oliv*.), kiu aperas amase en junio ĉe rivero Tiso.**




**Membroj de la E-Societo Senta (2012)**




**Glumarko (85x46mm) – multkolora kaj memglua**




**Multkolora memorkarto**

## La poŝtaj E-temaj stampoj el Senta










**1987 11 08** — **Trilanda renk.**
**1996 06 08** — **Verdaj Amikaj Tagoj**
**1997 06 14** — **Ŝakfestivalo**
**1998 06 13** — **Verdaj Amikaj Tagoj**










**1999 10 02** — **Ago Tago**
**2000 04 14** — **Saluto al 85a UK**
**2001 06 16** — **Mi amas planedon**
**2012 02 14** — **Tibor Sekelj**




**du nepoŝtaj:**




**2013 06 08** — **Rivero Tibisko**

**1988 11 14** — **Ulica Esperanto**
**1999 10 12** — **Ameriko**

**La prezidanto de la E-Societo en Senta, Serbujo, s-ano Siniŝa Veliĉkoviĉ sendis al ni liston pri la ĝis nun uzitaj poŝtaj stampoj en Senta.**
**Koran dankon al li! Jen la adreso de la klubo:**

**Esperanto Societo**
**Ĉefa Strato 15**
**24400 SENTA - Serbio**




**Infanoj Ĉirkaŭ la Mondo**




**L. L. Zamenhof**




**La Verda Lupeo**




**Komunikoj**




**Esperantistaj Verduloj**




Unua Brandfaristo (Tolstoj)




**Unua revuo „La Esperantisto“**




**Internacia Infana Kongreseto**

**Jen vico da ind. E-pm, kiujn iniciatis s-ano Pekim Tenorio Vaz (Brazilo).**
**La eldonkvanto estas ekstreme malalta. Plej ofte nur ekzistas dek ekzempleroj.**
**Dankon pro la informoj al s-ro Vaz.**
**Ni esperas, ke ni ricevos kompletan liston pri ĉiuj aperintaj IPM.**




**„Plus-koverto“ kun la IPA-emblemo, sendita 2009, 55 eur-cendoj**




**„Pluskarto“ kun la IPA-emblemo, sendita 2009, 45 eur-cendoj**

1




2




3




**Jen 3 pm-oj sur individuaj IPA-tutaĵoj de la Germana Poŝto:**
**kun la E-lingva slogano „SERVO PER AMIKECO“:**

1) **2009: 55 cendoj sur „Plusbrief/Pluskoverto - individua“**
2) **2009: 45 cendoj sur „Pluskarte/Pluskarto – individua“**
3) **2013: 58 cendoj sur „Plusbrief/Pluskoverto – individua“**

**Dankon al s-ro Horst DEITRICH (prezidanto de Filatela Laborgrupo Polico) pro senditaj informoj.**

# Ekslibriso volapuka

**Antaŭ nelonge videblis en aŭkcio vico da ekslibrisoj el la jaroj 1893/95.
Inter ili unu dediĉita al librokolekto volapuka de E. D. French.
En ĝi brilas kandelo sur du tergloboj kun la volapuka devizo**

**MENAD BAL PUK BAL**

**(Unu homaro – Unu lingvo)**

**Krome troveblas la tekstoj:**

**SE BUKS VOLAPÜKIK E VAPÜKIK**
**LÖNÖL AL EDWIN DAVIS FRENCH**
**(Libroj volapukaj kaj mondolingvaj**
**en posedo de Edwin Davis French)**
**-Tradukis: R. Haupenthal-**




**Edwin Davis French (1851-1906) estis aktiva Volapukisto. Li regis ankaŭ Esperanton. French estis fama usona gravuristo de ekslibrisoj (pli ol 330) Informis: J.R. Piton. Dankon!**

## *E-ekspo en la 5a filatela ekspozicio de SOMSI en San Vito al Tagliamento (15-16 junio 2013))*







**Individua E-poŝtmarko aperis okaze de la ekspozicio (8a aprilo 2013 – 300 ekz.)**

**Jen la memorkarto por la filatela ekspozicio. Dorsflanke videblas pluraj bildoj**



# *E-ekspo en San Vito al Tagliamento*

## *de Giacomo Martinez (15-16.06.2013)*




## Elda Doerfler informas:

**„...Sabaton la 15an de Junio mi ĉeestis en *San Vito al Tagliamento* (urbo de mia regiono, je cent kilometroj de Triesto) inaŭguron de du ekspozicioj: unu rilatis al la loka fervojo okaze de ties 100 jariĝo, kaj la alia rilatis al Esperanto.**
**En la Esperanto-ekspozicio videblis multaj kartoj per kiuj la posedanto kaj aŭtoro priskribis la historion de Esperanto. Estis prezentitaj pli-malpli 220 kartoj sed ankaŭ poŝtmarkoj kaj glumarkoj.**
**La loka sekcio pri filatelo kaj numismatiko de Laborista Asocio pri Solidareco kaj Instruado de la urbeto mendis en Aŭstrio poŝtmarkon esperantoteman kaj eĉ eldonis belan poŝtkarton.**
**(En Italio ankoraŭ ne ekzistas la ebleco mendi individuan poŝtmarkon ĉe la Itala Poŝto.)**
**La titolo de la ekspozicio estis: "La homo parolas Esperanton" - (l'uomo parla Esperanto).**
**La postan tagon samideano Giacomino Martinez prelegis pri Esperanto.**
**Ĉio estis finance subtenita de la Provinco Pordenone kaj de pluraj komunumoj.**
**En la itala legeblas kelkaj detaloj en la interreto ĉe**
http://www.dlf.it/tutte-le-news/cultura-e-spettacolo/1492-luomo-parla-esperanto.html



Friulaj Sigelmarkoj reeldonitaj okaze de la 40a jubilea U.E.K. en Bolonjo 1955




# ELF-AREK

***Esperanto-Ligo Filatelista***
***Amika Rondo de Esperantaĵ-Kolektantoj***
http://www.elf-arek.wz.cz/

**Prezidantino:**
**Elda Doerfler >testudo.ts@gmail.com<**
**Via Ghirlandaio 18/1 IT-34138 TRIESTE**

*************************************************************************

**Kasisto: Rolf Beau Eisser Kirchweg 18 DE 27333 Schweringen**
**Retpoŝta adreso: >robo.espero@acn-mail.de<**
**Konto: Rolf Beau Commerzbank Hoya Banka kodo: 290 400 90**
**Kontonumero: 420 933 400 IBAN: DE 48 290400900420933400**
**BIC-Code: COBADEFF297**
**UEA-konto: ELF/AREK = Kodo: elfx/r**
**Jarkotizo: € 17.00 - Membroj en socialismaj kaj ekssocialismaj landoj: € 15.00**

## „Tempomaŝina“ bildkarto-prelego de Piton

http://www.bildkartoj.org/tempomashino-esperantistoj_2013.pdf
**Sur ĝi vi trovos tre interesan prelegon pri la historio de Esperanto.**
**Krome vi konatiĝos kun vico da tre raraj historiaj E-temaj bildkartoj!**

## Virtuala ekspozicio pri Esperantaj poŝtkartoj el Germanio de R. Beau

http://www.esperanto-kartalbumo.de/
**La listigitaj eldonaĵoj ne pretendas esti katalogo. Per tiuj ĉi 4 albumoj li intencis kolekti kaj konservi Esperantajn poŝtkartojn antaŭ ol ili perdiĝas aŭ forgesiĝas. Bedaŭrinde la kvalito ne ĉiam estas bona.**
**La prezento baziĝas sur la kolektaĵoj de Rolf Beau el Germanio kaj Jean Amouroux el Francio.**

## Pri la ekspedo de nia LVL

**Kelkajn numerojn de nia LVL ekspedis pasintjare nia estimata amiko Rolf Beau, ĝis decembro 2012, faldita por eviti troigitan afrankon de 3.50 eur. Sed nia kasisto malsaniĝis, kaj devis resti en hospitalo dum pluraj monatoj. Ankoraŭ nun li estas malsana kaj ne povas prizorgi la ekspedon. Ni kore deziras resaniĝon!**
**Nia prezidanto, sinjorino Elda Doerfler kun sia edzo Pino prizorgis la multobligon kaj ekspedon de la aprila kaj nuna aŭgusta LVL.**
**Koran dankon al ili!** *Rudolf Burmeister*